## Abonprezo de I.P.R.

La abonjaro daŭras de la 1-a de januaro ĝis jarfino. La prezo por unu tuta jaro estas 2.50 ned. guldenoj (inkluzive aneco de T.A.G.E.) Ek de la 1-a de julio ni akceptas ankaŭ duonjaran abonon je 1.25 ned. guldenoj.

Individuaj anoj de I.E.L. pagas nur po 2 guld. por jaro.

Por la abonkotizo estas sendota el:

| | | |
|---|---|---|
| **Britujo** | 5.— | ŝil. |
| **Belgujo** | 37 | fr. |
| **Ĉeĥoslovakujo** | 20 | ĉ. kr. |
| **Danujo** | 6 | kronoj, |
| **Francujo** | 25 | frankoj. |
| **Germanujo** | 4 | markoj. |
| **Hispanujo** | 12 | pes. |
| **Hungarujo** | 7 | peng. |
| **Jugoslavujo** | 50 | din. |
| **Latvujo** | 5 | latoj. |
| **Norvegujo** | 6 | kron. |
| **Polujo** | 8 | zlotoj. |
| **Rumanujo** | 180 | leoj. |
| **Svislando** | 5 | frank. |
| **U. S. A.** | 1.50 | dol. |

Kiam vi sendas la kotizon rekte al la administracio, ni petas vin:

1) Pagu, se eble, pere de la poŝtĉekkonto No. 9715. Nederlando.

2) Ne sendu poŝtmarkojn.

3) Sendu papermonon en registrita letero.

4) Se vi preferas kuponojn, sendu 16 poŝtajn respondkuponojn por tutjara abono.

5) Skribu tre legeble nomon kaj adreson.

## Agentoj de T.A.G.E.

**Angla:** Brita Esperanto-Asocio, 142, High Holborn, LONDON, W.C.I.

**Alĝera:** Jean Delor. Professeur au Collège de garçons. TLEMCEN. (Dep. Oran)

**Aŭstralia:** H. M. Lanyon, Harrow St,. Box Hill E 11. MELBOURNE. (Victoria)

**Belga:** H. Rainson. Hombeekschesteenweg 54. MECHELEN.

**Bulgara:** Ivan Valĉanov, Ljuben Karavelov. 40. SOFIO.

**Ĉeĥoslovaka:** Th. Kilian, Komerca Akademio TREBIĈ, Komerca Akademio poŝtĉekkonto Brno Nr. 114.322.

**Ĉina:** Chang-Ching-Chiu, 27 Ta-Shin-Street, JUNNAN FU.

**Ĉilia:** E. Herrera Valen. Clasificador C. 220. SANTIAGO.

**Dana:** Kn. Aa. Andersen. ONSILD. Poŝtĉekkonto: No. 55673.

**Estona:** Ain Vahuri. VIRU-KABALA.

**Franca:** G. Chatelain, ARGENCES, (Calvados) Poŝtĉekkonto: 17606 Rouen.

**Greka:** D-ro A. Stamatiadis. Rodou 21. ATENO.

**Hispana:** Ferd Montserrat. Str. Provenza. 75—2—3. BARCELONA.

**Hungara:** Bleier Vilmos. Soroksári ut. 38-40. V. 6. BUDAPEST. IX.

**Japana:** Joshi H. Ishiguro. TOKIO. Daita II. 784 Setagaya. Poŝtĉekkonto: Tokio 62061.

**Jugoslava:** Peter Golobiĉ JESENICE, FUZINE.

**Kanada:** Aleksandro. E. C. N. 223 Blaine Lake. SASK.

**Latva:** S-ino O. Juŝen. Slokas ielä N. 112. dz. 1. RIGA.

**Litova:** Mok. A. Prapuolenis. IŜLAŬZAS. paŝt. ag.

**Nederlanda:** J. Hogenkamp, Hoofd der School, 2e Exloërmond (W.). (Pagi al van Hage.

**Nederlanda Hindujo:** K. Gorter. Soekalilah. 14, CHERIBON.

**Pola:** Józef Migacz. Dlugosza 2. NOWY—SACZ. Poŝtkonto No. 406284.

**Sveda:** estraro de S.I.E.F.

**Svisa:** Vakanta.

**U. S. A.:** David R. Metzler. Route 1. Box 389. FRESNO. California.

kaj:

**Amerika Esp. Instituto.** 1111 Brooke Road. ROCKFORD. ILLINOIS.

El landoj sen agentoj mono estas sendota rekte al la adm. Agentojn por tiuj landoj ni serĉas.

Ni urĝe petas novan agenton en Svisujo, kaj en Norvegujo.

---

En **SVEDUJO** oni sin anoncu al la sekretario de la T.A.G.E. sekcio (S.I.E.F.)

S-ro **Fritiof Ahnfeldt. Inglatorp, Torskors.**

---

Presita de Elektr. presejo T. K. KREMER, Sappemeer.

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

17-a jaro (Numero 1) 1939.

**Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)**

Adreso por redaktado kaj administrado :
**T.A.G.E.-oficejo,** Schoolstraat 13. **Veendam.** (Nederlando.)

**Prezidanto de TAGE: W. RUSSELL HAMILTON.** The Grammar School HEMSWORTH: Nr. Pontefract, Yorksh. (Anglujo).
**Sekretario: K. H. SPORTEL. Nieuw-Scheemda** (Gron.) (Nederlando).
Kasisto: **A. VAN HAGE.** Zuidwending. **Veendam** (Nederlando). Poŝtkonto No. 9715.

**Korespondoficejo :** K. H. SPORTEL, Nieuw-Scheemda (Gr.) (Nederlando).

## Sindonemo.

„Nek mokoj de l' homo,
„Nek batoj de l' sorto . . . .

Komparante nian *fak*organizon esperantistan T.A.G.E. kun aliaj landaj fakaj organizaĵoj de profesiaj geinstruistoj, ni rimarkas strangan diferencon. La lastaj asocioj priatentas unualoke la pozicion de la samfakuloj, pozicion moralan kaj materian ; krome la staton de lernejo kaj instruado kaj la atingotajn rezultatojn. Esperantista fakorganizo ludas tute apartan rolon. Ĝi celas unue idean laboron, netute memstare, sed kiel parto de la ĝenerala poresperanta movado. Pro tio, ĉia fakorganizo de Esperantistoj devas serĉi kontakton kun aliaj ne-samfakuloj kaj en la lasta numero pasintjara de nia organo ni atentigis pri tio.

Alia diferenco kun ordinara faka asocio estas, ke la esperantista postulas pli de siaj anoj. Ĝi ne nur petas de la kolegoj kunlaboron, spirite kaj finance, sed precipe ĝi postulas la tutan personecon, plenan *sindonadon.* Batalante kune por atingi idealon, ĝi atendas ke la anoj dediĉos sin *tute* kun siaj plej bonaj ecoj al la komuna tasko. Duona kunlaboro ĉi tie signifas nenion : duona sindono ja ne estas imagebla.

Sindonemon, esperantista fakorganizo postulas ; doni sin mem tia, kia tiu „sio" estas, sed . . . . *tute,* ne parte ! ! Nur tiukaze la celo estas atingebla ; alie rezultatoj ĉiam forrestos.

Sed integra parto de sindonado estas la *fido.* Oni ja nur povos doni sin men, se oni fidas la celon kaj la personojn, kiuj laboras samdirekte. Se infano ne fidas siajn gepatrojn, ĝi ne povos sin doni en la brakoj de la patrino aŭ patro ; plenkreska ĝi ne riskas sekvi la konsilojn gepatrajn. Ne tute fidante transoceanan ŝipon, oni ne donas trankvile sin mem al marvojaĝo.

Ĉiu samideano, kiu ne tute fidas la Zamenhofan idealon, ne

estas vera Esperantisto, ne povos kunlabori kun sindonaj kameradoj. Feliĉe nia movado nombras milojn da tiuj, kiuj plenfide donas sin mem konsciante la altan gravecon de nia komuna idealo.

Tamen ĉu ĉiuj ankaŭ fidas la kunbatalantajn kamaradojn? Ĉu inter Esperantistoj vere regas tiu fido de unu al alia, necesa por fruktedona laboro? Tia reciproka fido ne nur estas necesa, sed ankaŭ ebla! Alte kaj senmakule brilas por ni ĉiuj, la stelo, kiu *al ni ĉiuj* montras la direkton. Se nur ĉiuj diverstendencaj esperantistoj rigardus la komunan celon, ne tro atentante la propran vojon, laŭ kiu ili sekvas la stelon!

Ĉu diverstendencaj geinstruistoj ne povos kune agi por atingi la komunan celon: ĉiu edukisto—esperantisto; kaj en ĉiu lernejo—esperantismo!! Tiu „ismo" ne vekas pasiojn malindajn al la homaro, kaj ne stimulas malbonajn kaj nigrajn emojn. Tion ni ja ne povos diri pri ĉiuj „ismoj" hodiaŭaj. Kaj ĉu ĝuste nun, laboro por *nia* ismo ne valoras, ke oni donas sin mem? Respondu vi mem, sed ankaŭ agu laŭ la konsekvenco de via respondo. Se ĝi sonas „jes", kion ni certe atendas, nu, venu en niaj vicoj, se vi jam tie ne estas, donante vin mem kun plena fido al nia afero kaj viaj kunbatalantoj. Zorge esploru, ĉu inter viaj amikoj estos tiuj, kiuj povas plifortigi niajn vicojn.

Sed, karaj, ankoraŭ alian fidon la esperantistaro nuntempe bezonas por tute povi sin doni. Fido al la estonto, nun kiam nigraj nuboj minacas ombrigi la lumon de nia stelo. Kaj ni scias ke en multaj koroj estas zorgo, sed ke tamen restis sur la fundo, eble plej profunde, la fido al nia movado kaj ĝia pravo; ke hodiaŭ ili ne povos doni sin mem ĉe *nia* altaro. Sed tiuj ne forgesu, ke natura leĝo vekas reagon tie, kie ago regas. Ju pli forta la puŝo, des pli energia la repuŝo. Kaj ĝi daŭros ĝis kiam premo forrestos. Al vi gekolegoj, kiuj ankoraŭ povos, la taskon plenforte subteni tiun repuŝon. Kaj se vi, neatendite, estas devigataj demeti de vi tiun taskon, sciu ke tiam multaj aliaj staros pretaj preni ĝin el viaj manoj kaj nur persiste daŭrigos ĝis kiam vi revenos.

Ni finas, dirante nian esperon pri pli bona, pli paca, pli homa estonto. Ke la nova jaro ne vane atendos vian sindonon tie, kie ĝi estos necesa kaj tia, kia ĝi estos ebla al vi.

„La nepoj vin benos,
Se vi pacience eltenos . . . ."

---

# Ĉeĥoslovaka Pedagogia Enciklopedio.

Niaj legantoj jam legis pri tiu ĉi unika verko, kiu nun aperas en *Praha*, sub redakto de famaj pedagogiaj fakuloj profesoroj: *O. Chlup, Josef Kubálek* kaj *Josef Uher*, kaj en kunlaboro de multaj ĉeĥoslovakaj fakuloj. Ne sole la redakcio, sed ankaŭ la eldonejo NOVINA (Praha II., Havlìčkovo náměstí 10) estas dankinda kaj gratulinda pro la peno doni tian kulturan donacon al la pedagogia mondo en Ĉeĥoslovaka respubliko. Kaj ili ĉiuj daŭrigas la laboron, kvankam staras multaj baroj sur la vojo, nun zorgoplena . . .

Estu permesate al ĉeĥoslovaka instruistino-samideanino diri kelke da vortoj pri *„Pedagogická encyklopedie"*, kiu fine de l' jaro *1938* atingis la numeron *40* (kajeroj en formato de 16 × 25 cm.) kaj la literon *R* (elparolu rĵ, en alfabeto ĝi sekvas la literon r). Ne vortoj de laŭdo kaj kritiko, sed *la cititaj devizoj* estu montrilo de la scienca bonega verko.

**Jen kelkaj el ili:**

Abnormalaj infanoj - Abstinenco - Administrativo (lerneja) - Akademioj - Aktivismo - Akvario - Alkoholismo - Altruismo - Analfabetismo - Analogio - Analizo - Anarĥio - Anatomio - Antropologio Antiko - Antipatio - Antologio - Arkeologio - Arkitekuro - Arkivo Aritmetiko - Asistanto (mezlerneja helpa profesoro) - Astrologio Astronomio - Ateismo - Atletismo - Aŭtarkio - Aŭtodidakto k.t.p.

Behaviorismo - Beletrio - Biblio - Bibliografio - Biologio - Biologio infana (tre detala!) - Botaniko - Brailla skribo.

Cenzuro - Celo eduka - Cinika filozofio - Cirkuleroj.

Ĉeĥa akademio de scienco kaj artoj - Ĉeĥoslovaka akademio agrikultura - Ĉeĥoslovaka nacia konsilantaro - Ĉeĥoslovaka nacia scienca konsilantaro - Ĉeĥoslovaka lerneja sistemo (1. Patrinaj lernejoj, 2. Naciaj lernejoj, 3. Naciaj lernejoj slovakaj, 4. Naciaj lernejoj en Subkarpata Rusio (hodiaŭ nomata *„Karpata Ukrainujo"*), 5. Mezaj lernejoj, 6. Industriaj kaj fakaj lernejoj, 7. Fakaj lernejoj porvirinaj, 8. Komercaj lernejoj, 9. Porartaj lernejoj, 10. Agrikulturaj lernejoj, 11. Popola eduko, 12. Lernejoj por naciaj minoritoj, 13. Lernejoj alinaciaj en ĈSR, 14. Ĉeĥoslovakaj lernejoj en fremdlando, 15. Lernejoj por infanoj abnormalaj, 16. Altaj lernejoj.) - Ĉeĥoslovaka Ruĝa kruco.

Daktiloskopio. - Daltonismo - Darvinismo - Dedukta rezonado - Deflacio - Degeneracio - Deklinacio - Demokratio - Definitivo - Demonstratio - Dermatologio - Desegnado - Desinfekto - Determinismo - Diagnozo - Diagramo - Dialektiko - Dialekto k.t.p.

Egoismo - Eduko (hejma, lerneja) - Elementaj lernejoj kaj ĝiaj programoj - Edukado en fremdaj landoj - Ekzercoj korpaj - Ekleziaj lernejoj - Ekzamenoj - Ekonomio en la instruado - Esperanto (sur paĝo 396) k.t.p.

Fantazio - Ferioj - Fakoj lernejaj - Filmo - Fonetiko - Festoj

lernejaj - Fabeloj en lerneja instruado - Fremdlandaj mezlernejoj en Ĉeĥoslovakujo. k.t.p.

Gramofono - Gimnastiko - Gazetoj: por infanoj, instruistoj, gepatraj societoj. k.t.p.

Harmonio en la edukado - Hejmo por infanoj - Hororo lerneja - Humoro. k.t.p.

Ĥoroj infanaj. k.t.p.

Idealoj - Idiomo - Ilustraĵoj - Inspektoro - Instinkto - Ironio - Infanaj malsanoj, - ĝardenoj, - teatroj, - korespondado, - ludo, - dentaro k.s. k.t.p.

Jaro lerneja - Junuloj k.t.p.

Karikaturoj - Kanto - Kleptomanio - Koedukacio - Koncentracio - Koncerto - Kontakto - Kontrolo - Kuirejoj lernejaj - Kriplaj infanoj k.t.p.

Lernejaj banejoj - Leĝoj lernejaj - Lingvo: ĉeĥa, angla, franca, hebrea, itala, latina, hungara, gepatra, germana, l. de minoritoj, pola, rusa, greka, serbo-kroatma, literatura, artefarita (sur paĝo 558), lingvo lerneja k.t.p.

Metodoj instruaj - Morfologio - Muzikemo de infanoj k.t.p.

Nacionalismo - Nervaj malsanoj - Novmoderna lernejo k.t.p.

Ortoepio - Ortopedio.

Sufiĉu jenaj ekzempleroj! Kelkaj el ili ampleksas *tutan kajeron*, eĉ pli! Ĉe ĉiuj pli gravaj devizoj estas menciita ankaŭ la koncerna *fonto* de literatura bibliografio. Krome

la *Pedagogia Enciklopedio* enhavas ankaŭ *biografion* de niaj (t.e. Ĉeĥoslovakaj) kaj fremdaj fakuloj pedagogiaj, filozofoj kaj verkistoj, ekz.: Aristoteles, Bacon, Baldwin, Bergson, Bolzano, Bovet, Braille, Brentano, Claparéde, Comte, Coué, Dalcroze, Darwin, Descartes, Descouedres, Dewey, Driesch, Epikuros, Erasmus de Rotterdam, Ferrière, Freud, Fröbel, Glöckel, Goethe, Herbart, Kant, Keller, Locke, Luther, Melanchton, Montaigne, Montessori, Nietzsche kaj multaj aliaj.

Memkompreneble, ke ne mankas ankaŭ la *ĉeĥoslovakaj* verkistoj pedagogiaj, filozofoj kaj diversaj fakuloj. La artikoloj estas verkitaj de universitataj profesoroj, de geinstruistoj kaj laborantoj, ĉu famaj, ĉu malmulte konataj, sed ĉiuj donis siajn klerecon kaj sperton por fari la verkon plej fidinda kaj ĉiam aktuala.

Ĉu estos permesite skribi daŭrigon de tiu ĉi *malgranda* bildeto pri *granda* laboro de la pedagogia mondo en la Ĉeĥoslovaka respubliko? Ĉu iuj legantoj havos kaj montros ielmaniere *intereson* pri la Pedagogia Enciklopedio?

JULIE ŜUPICHOVA,
Praha. II. Malà Stêpánská, 6.

---

# Montessori-lernejo en Anglujo.

Proksimume 40 km. norde de Londono, en la mezo de iom ondanta montetpejzaĝo, troviĝas la afabla vilaĝo Harpenden, kiun mi certe neniam vizitus, se ne estus tie unu el la plej konataj eduk-pensionoj el Anglujo. Sed pri tiu edukpensiono mi nun ne volas rakonti, sed pri la al ĝi apartenanta „St. George's Children's House" — tre ĉarma Montessori-lernejo, ĉirkaŭita de kreskaĵplena ĝardeno, kie la infanoj laŭ kordeziro povas ĝui la sanigan freŝan aeron.

Sed „St. George's Children's House" estas pli ol ordinara Montessori-lernejo, ĉar la infano povas tie resti tage kaj nokte. Kompreneble ne ĉiuj lernantoj loĝas en la domo, sed granda nombro da infanoj, kies gepatroj ne volas aŭ povas havi ilin ĉe si pro iu kaŭzo, restas tie post la finiĝo de la instruado. Precipe por gepatroj, kiuj iras al izolitaj lokoj en la kolonioj, estas trankviliga penso, sciante ke iliaj infanoj estas bone prizorgataj kaj edukataj de spertaj homoj. Eĉ dujarajn etulojn la lernejo akceptas, kaj kiam ili fariĝas sep-, okjaraj, tiam ili povas viziti „St. George's Co-educational School", tuj apude de la Montessorilernejo.



Estis bela, sunplena tago, kiam mi estis la gasto de Miss Mathews, pro tio ni vidis la lernejon en plej favoraj ĉirkonstancoj. La grandaj, vitraj pordoj estis tute malfermitaj, tiel ke la freŝa aero libere povis flui tra la ĉambrojn. La infanoj laboris ĉe malaltaj tabloj, kaj laŭaĝe sin okupis per diversaj fakoj. La plej malgrandaj diligente faldis kolorigitan paperon, aliaj faris argilmodelojn, kaj la plej aĝaj sidis super siaj geografilibroj. Tre gajaspektaj estis la lernĉambroj.

Kontraŭ la krudŝtonaj muroj pendis komikaj bildoj kaj desegnaĵoj, kaj ĉie, kie nur loko estis troveba, staris vazoj kaj kruĉoj kun floroj. En la desegnĉambro la infanoj staris ĉe malgrandaj stabloj kaj desegnis kaj pentris kun grandaj seriozeco kaj sindono.

Teretaĝe estis la lernĉambroj kaj la manĝejo, supre ni trovis la dorm- kaj banĉambrojn, ĉiuj en helaj koloroj, kun harmoniantaj kurtenoj kaj tapiŝetoj. La malaltaj kaj malgrandaj litoj kaj seĝoj donis iomete pupan aspekton al la interno, sed ĝuste pro tio la infanoj sentis sin tre hejmaj ĉi tie.

Kiam ni malsupreniris, ĝuste estis paŭzo, kaj kompreneble ĉiuj infanoj troviĝis en la belega ĝardeno. La etuloj ludis en la sablejo, aŭ pro plezuro kriis sur la dorso de balancoĉevalo, aliaj amuzis sin per malgrandaj tricikloj, aŭ kune ludis. En angulo, ŝirmata de densa arbustaĵo, mi ekvidis la naĝejon — grandan basenon el veltolo, kie la infanoj povis vadi kaj lerni naĝi sen danĝero. Eĉ saltotabulo estis tie, fiksita al arbotrunko.



La ĝardenon prizorgis kompreneble la ĝardenisto, sed pluraj infanoj, kiuj ŝatis florojn kaj plantojn, helpis lin, sarkante fiherbon, rastante la vojojn k.t.p.

En la laborĉambro de la direktorino ni babilis ankoraŭ momenton, kaj Miss Mathews rakontis al ni kelkajn detalojn pri la lernejo kaj la laboro.

„Ĉi tie la infanoj ne nur laboras en klasoj, sed ankaŭ individue, kaj tiam ili faras diversajn laborojn. Ili rajtas legi, desegni, pentri, skribi, muziki modeli per argilo, labori per „raffia", tondi paperon, brodi k.t.p. De tempo al tempo ni iras kun ili al la zoologia ĝardeno,

kaj la pli aĝaj regule vizitas la junularkoncertojn en Londono. Kiel eble plej multe da tempo oni pasigas en la freŝa aero promenante, biciklante, ĝardenlaborante, eĉ ili povas lerni rajdi sur ponioj (malgrandaj ĉevaloj).

Tre bone oni zorgas pri la korpa sanstato. Kompreneble la sporto ludas grandan rolon. Kaj nun ni povas por momento iri al la manĝejo".

Tie la infanoj mem pretigis la tablojn malaltajn, alportis la pladojn el la kuirejo, kaj ĉiu servis sian propran tablon.

Tiel la „St. George's Children's House" tiun belan somertagon faris tre agrablan impreson al ni, kaj al la infanoj, kiuj ĉi tie pasigas la junecon ĝi multrilate anstataŭas iliajn gepatrojn, kiuj ofte loĝas milojn da mejloj malproksime de Anglujo.

ALFRED VAN SPRANG
en „Het Kind".

---

## „La genio en la infano"

En nia lasta numero ni rakontis ion pri la metodo de la desegno-instruado de Richard Rothe. Tiujn kolegojn, kiuj pri tio interesiĝas, ni atentigas pri verko de la pedagogo kaj kompetentulo pri artaĵoj G. F. Hartlaub, „Der Genius im Kinde" („La genio en la infano") (eld. Ferd. Hirt, Breslau, broŝ. 12.50 RM., bind. 15 RM.)., kun 35 kolor. kaj 92 nigraj bildoj laŭ desegnaĵoj de infanoj.

Hartlaub diras, ke la infano ĝis certa aĝo povas esprimi sin desegnante, sed tiam ĝi perdas tiun povon por ĉiam. Estas nia tasko, konservi kaj disvolvi tiun talenton naturan.

Okulfrapaj estas multaj el la desegnaĵoj, kaj interesa la priparolado de Hartlaub. Ne estas facile legebla libro, sed rekomendinda al ĉiu, kiu interesiĝas pri la desegnanta infano.

### Ekspozicio pri infandesegnaĵoj.

La kesto kun la ĉi suba enhavo nuntempe cirkulas en Anglujo. Ni treege urĝe petas kompletigon de la materialo el la landoj, kiuj ne estas nomitaj en la listo. Krome ni petas pluajn desegnaĵojn al Japanujo, ĉar la kolekto el tiu lando estas tro malgranda. Sendu baldaŭ materialon al T.A.G.E.-oficejo.

---

# Kolekto de Infandesegnaĵoj.

| Grupo. | Lando. | Kolektitaj de: |
|---|---|---|
| A. 1—26. | Ĉeĥoslovakujo. | Lernejo Dro. Ed. Beneŝ. OTROKOVICE-BATOV. |
| B. 1—9. | Latvujo | O. Juŝen. Slokas iela. 12. RIGA. |
| C. 1—3. | Estonujo. | K. Gustavson. TALLINN. 41-5. |
| D. 1—11. | Estonujo. | Ain Vahuri. VIRU-KABALA. |
| E. 1—4. | Svedujo. | O. Svantesson. Fagelfängaregatan 20. GöTEBORG. de infanoj de 7-10 jaroj. |
| 5—13. | | de infanoj pli aĝaj ol 10 jaroj. |
| F. 1—5. | Svedujo. | J. Persson. SKEPPSHULT. |
| G. 1—5. | Danujo. | H. Grönborg, Rosenvej 8. RISSKOV. |
| H. 1—11. | Nederlando. | P. Korte, Schoolstraat 13. VEENDAM. |
| I. 1—4. | Nederlando. | Openb. U.L.O. „Adama van Scheltema-School (P. Baas.) AMSTERDAM. |
| J. 1—4. | Nederlando. | G. C. Tinkelenberg. SIJBRANDEBUREN. (Friesland.) |
| K. 1—23. | Anglujo. | West Boldon Church School (Durham) Arthur Western. |
| L. 1—2. | Anglujo. | Knabina Lernejo en LONDON. |
| M. 1—5. | Anglujo. | Whitburn Senior Council School (Durham) G. Moor. 121 Atkinson Rd. Fulwell. (Sunderland). |
| N. 1—17. | Anglujo. | V. C. Nixon. 183 Woodlands Park Rd. BOURNVILLE. Birmingham. |
| O. 1—2. | Hispanujo. | Vincente Perles Moncho-Maestro. CALLOSA de ENSARRIA. |
| P. 1—11. | Francujo. | H. Bourdelon. 62 Rue du Docteur Escat. MARSEILLE. |
| Q. 1—2. | Francujo. | G. Chatelain. ARGENCES. (Calvados.) |
| R. 1—10. | Hungarujo. | Farkas Imre. Thököly ut. 21II. 23. BUDAPEST. VII. |
| S. 1—2. | Germanujo. | E. Buchty. Heinrichsallee 9. AACHEN. |
| T. 1—14. | Jugoslavujo. | Fran Novljan. NOVA GRADISKA. |
| U. 1—2. | Alĝerio. | J. Delor. TLEMCEN (Oran.) |
| V. 1—4. | Japanujo. | kolektita de H. J. Jonker. BLIJHAM. (Nederland.) |
| W. 1—6. | Ĉinujo. | Chang Chin Chiu. 27 Ta-Shin Street JUNNANFU. |
| X. 1—10. | Usono. | L. Dormont. P. S. 136. St. ALBANS. N.Y. |
| Y. 1—5. | Aŭstralujo. | F. V. Taylor. Central School. Broadmeadov. NEW CASTLE. (N.S.W.) |

# La gimnastikinstruado en la diversaj landoj.

La ŝtata komisio por la gimnastikinstruado en Nederlando donas raporton pri la instruado en gimnastiko en la elementa lernejo. Pli ol 40 % de ĝiaj lernantoj ne, aŭ preskaŭ ne, ricevas gimnastikinstruon dum la lernjaroj. Tio estas tre bedaŭrinda fakto, ĉar proks. 70 % de ĉiuj lernantoj ne vizitas postelementan lernejon, kaj de la aliaj 30 % ankaŭ granda parto, ekz. de la industrilernejoj, ne ricevas gimnastikinstruon.

Ĉi tie sekvas listo pri la tempo, kiun 27 aliaj landoj uzas por gimnastiko en la elementa lernejo:

| | | |
|---|---|---|
| 1. | Anglujo | 1/3 ĝis 3/4 ĉiutage. |
| 2. | Argentino | 2 horojn ĉiusemajne. |
| 3. | Eks-Aŭstrujo | 4 h. ĉiusemajne. |
| 4. | Belgujo | 1/2 h. ĝis 3/4 h. ĉiutage |
| 5. | Brita-Hindujo | 7 h. ĉiusemajne. |
| 6. | Bulgarujo | 3 h. „ |
| 7. | Ĉeĥoslovakujo | 4 h. „ |
| 8. | Ĉilio | 3 h. „ |
| 9. | Ĉinujo | 3 ĝis 6 h. ĉiusemajne. |
| 10. | Danlando | 1/2 h. ĉiutage. |
| 11. | Finnlando | 2 h. ĉiusemajne. |
| 12. | Francujo | 5 h. „ |
| 13. | Germanujo | 4 h. „ |
| 14. | Grekujo | 3 h. „ |
| 15. | Hungarujo | 2 h. „ |
| 16. | Irano | 4 1/2 h. „ |
| 17. | Italujo | 1/2 h. ĉiutage. |
| 18. | Japanujo | 3 h. ĉiusemajne. |
| 19. | Jugoslavujo | 2 h. „ |
| 20. | Kanado | 2 h. „ |
| 21. | Latvujo | 2 h. „ |
| 22. | Polujo | 1/2 h. ĉiutage. |
| 23. | Rumanujo | 4 × 1/2 h. ĉiusemajne. |
| 24. | Svedujo | 1/2 h. (aŭ pli) ĉiutage. |
| 25. | Svisujo | 3 h. ĉiusemajne. |
| 26. | Turkujo | 2 h. „ |
| 27. | Usono | 1/2 h. ĉiutage. |

---

# Filmarkivo lerneja.

Filmo, la movanta filmo, estas bona instruilo lerneja. En Svedujo ni havas grandan provizon da bonegaj instruofilmoj por ĉiu lernejfako, sed la 35-mm. - a filmo estis tro multekosta por uzi en malgrandaj lernejoj sur la kamparo. Tial ne ĉiuj lernejoj havis eblecon montri instruofilmojn sufiĉe.

Nun ni uzas pli kaj pli ofte 16-mm. - an filmon. La montranta aparato estas malpli multekosta kaj la filmo pli malkara. Bona aparato kostas ĉirkaŭ 700 sv. kronojn kaj la filmo kostas ĉirkaŭ 0,90 kronojn po metro. Ĉiu lerneja distrikto nun povas aĉeti film-aparaton, sed ne ĉiu distrikto povas havigi al si sufiĉajn filmojn. Tial la distriktoj devas komune agi. Mi priskribos iomete kiamaniere ni aranĝis tian aferon en Blekinge, provinco en sudorienta Svedujo.

Blekinge estas ĉirkaŭ 12 mejlojn longa, oriente okcidenten kaj 3 mejlojn de nordo al sudo. La ŝtata lernejinspektoro en Blekinge, d.ro Hugo Sandström, invitis ĉefinstruiston aŭ alian instruiston de ĉiu lernejdistrikto (= paroĥo) en Blekinge al kunveno por pritrakti la aferon. Tiam oni elektis 5-personan komitaton, kaj poste la komitato proponis fondi filmarkivon por la tuta provinco, escepte la urbon Karlskrona, kiu havas sian propran arkivon. Ĉiu distrikto promesos pagi 10 kronojn por ĉiu parto de gelernantoj, instruataj de unu instruisto. 35 distriktoj aliĝis kaj pagis por 314 partoj en 169 lernejoj. Do ni ricevis 3140 kronojn por la instrujaro 1938-1939, kaj ni povis fondi filmarkivon. Blekinge folkskolors filmkommitté estis elektita, kaj la komitato 5-persona, ricevis la rajton elekti filmojn, aĉeti tiujn kaj helpe de arkivisto disdoni la filmojn inter la distriktoj. La komitato estas elektita por 2 jaroj.

Jen nia stato de enspezoj kaj elspezoj.

Elspezoj:

| | | |
|---|---|---|
| Aĉeto de 6400 metrojn da filmo | po 0.70 kr.m. | 4800.— |
| Enpakaĵoj | | 200.— |
| Transportelspezoj | | 100.— |
| Salajro por arkivisto | | 300.— |
| Diversaj elspezoj | | 140.— |
| | Sumo | 5540.— sv.kr. |

Enspezoj:

| | | |
|---|---|---|
| Monsubteno de la lernejaj distriktoj | | 3140.— |
| Senpaga filmo | | 750.— |
| Deficito pagota, venonta jaro | | 1650.— |
| | Sumo | 5540.— sv.kr. |

Nun ni jam komencis la cirkuladon de filmo. En la komenco ni elsendos du programojn dum aŭtuno kaj du dum primtempo. Ĉar la provinco estas longa, ni elsendas samtempe du partojn arkivajn. Unu parto cirkuladas orienten kaj unu parton okcidenten. Komune ni agis, kaj nun ni komune „ĝuas la fruktojn".

FRITIOF AHNFELDT.
Komitatano.

---

# Esperanto en la lernejo.

En la francaj duagradaj kaj teknikaj lernejoj Esperanto nun estas oficiale enkondukata, laŭ la cirkulero de la Ministro pri Publika Instruado de 11. 10. 1938.

Jam multaj kursoj okazas.

*Distrikto de la Universitato de Aix.*

En Toulon kursoj en la kolegio por knabinoj kaj en la knaba liceo.

*Universitato de Besançon.*

En Besançon 7 kursoj, en la seminario por instruistinoj, sem. por instruistoj, supera knabina lernejo, sup. knaba lernejo, lernejo pri horloĝmetio, knaba liceo.

En Lons-le-Saulnier kursoj en la knabina liceo, kaj en la sem. por instruistoj.

En Pontarlier, en la knaba kolegio.

*Universitato de Caen.*

En la sup. komerca lernejo de Rouen deviga kurso.

*Universitato de Lille.*

En Boulogne-sur-Mer, en la supera lernejo pri komerco, 2 kursoj kun 57 lernantinoj.

*Universitato de Lyon.*

En Villeurbanne kaj en Saint-Vallier.

*Universitato de Montpellier.*

En Perpignan kaj Prades.

*Universitato de Paris.*

En Châlons-sur-Marne, nacia sup. lernejo pri tekniko, sem. por instruistoj, sem. por instruistinoj, knaba kolegio, knabina kolegio, kaj en Saint-Cloud kaj Versailles.

*Universitato de Poitiers.*

En la knaba kolegio en Brive, sem. por instruistinoj en La Rochelle, knaba kaj knabina liceoj en Niort, knaba kaj knabina liceoj en Rochefort, en Saint-Léonard i.a. kurso kun 200 (!) lernantinoj de la sup. knabina lernejo, en Tours kaj Treignac.

*Universitato de Strasbourg.*

En Mulhouse du kursoj en la knaba liceo.

---

# Notoj sur la lerneja atesto.

Estas malnova diskutata temo, ĉu estas utile kaj necese, doni notojn en la lernejo. Se laŭ nia opinio la utilo estas pligranda ol la malutilo, aŭ la prinota-konkurencado de niaj lernantoj ŝajnas neevitebla, tiuokaze estas demando, kiun sistemon uzi.

En Francujo (ni klopodas traduki kiel eble plej precize!) 10 = „bonega kun gratuloj", 9 kaj 8 = „bonega" („tre bona"), 7 = „bona" 6 = „sufiĉe bona", 5 = „ne tute sufiĉe bona" (fr. „passable"), 4 = „ne tute malbona" (fr. „médiocre"), 3 = „malbona", 2 = tre „malbona", 1 = „nulo", „nenio".

En Germanujo ĉi tiujare oni enkondukis novan sistemon por la mezgradaj lernejoj:

1. = tre bona (multe pli ol bona).
2. = bona (multe pli ol mezbona).
3. = kontentiga (tute normala rezulto sen limigadoj).
4. = sufiĉa (kvankam ne sen mankoj).
5. = neperfekta (ne sufiĉaj rezultoj, sed ebleco por baldaŭa plibonigo).
6. = malsufiĉa (absolute nekontentiga).

Nederlando havas ĝenerale la dekuman sistemon:

10 = plej bona, 9 = bonega, 8 = bona, 7 = sufiĉe bona, 6 = sufiĉa, 5 = ne tute sufiĉa, 4 = malsufiĉa, 3 = tre malsufiĉa, 2 = malbona, 1 = tre malbona.

Ni petas niajn legantojn, raporti al ni pri la sistemo(j) en sia lando.

---

# El la instruista mondo.

**Ĉeĥoslovakujo.** En Brno nun jam 5 jarojn en du lernejoj, unu elementa kaj unu kunresponda por postelementa instruado, oni studas certajn pedagogiajn ideojn, kaj provas ilin en la praktiko. La instruado por grupoj estas organizita dumaniere:

*a.* la infanoj de unu klaso formas grupojn, kiuj okupas sin per la sama laboro, je kio la talentaj helpas la lernantojn malpli bonajn.

*b.* la infanoj de diversaj grupoj laboras pri diversaj taskoj, kiuj konformiĝas al ilia klereco.

En la postelementa lernejo oni multe aplikas la metodon de „self-instruction" (mem-instruado). Oni jam posedas plurajn por tio taŭgajn lernlibrojn.

**Islando.** Interesa leĝoprojekto fariĝis leĝo antaŭ nelonge en Islando. Ĝi volas klopodi plivastigi la kampon de la popoleduko, sendevigante lernantojn dum 6 monatoj de instrupago, kiam ili kiel kontraŭfaro dum 7 semajnoj faros nepagitan manlaboron. Ĉar kontantaĵoj ofte monkas en la kamparaj distriktoj de Islando, dum ke estas abunda necesa laboro, por kiu oni bezonas laborantojn, ĉi tiu aranĝo verŝajne tre taŭgas.

Se la lernejoj por knaboj laboras kun bona rezultato, oni fondas ankaŭ tiajn lernejojn por knabinoj. Por la lastaj la deviga laboro ekzistos el teksi, triki, kudri, kaj diversa eksterdoma laboro.

La lernfakoj estas islanda kulturo, kalkulado, librotenado, elementa kemio, fiziko, historio, higieno, kantado kaj gimnastiko (kaj ĉarpentado por la knaboj).

**Jugoslavujo.** La situacio de la asocio de geinstruistoj en Juguslavujo estas tre kritika. La polico dispelis la Ĝeneralan Kunvenon. Malgraŭ la premo, farita de oficiala flanko sur la deligitoj, granda plimulto klarigis sin por la konservado de la demokratia organizformo. Oni timas potencilojn, kiuj transformos la organizon en registarorgano.

**Nederlando.** La Asocio por Pedagogio ekzistas 80 jarojn. Komence ĝi staris en la signo de Pestalozzi kaj Herbart. Ankaŭ poste ĝi restis spegulo de tio, kio en la eduka mondo vivis. La principo de la „spontanea agemo" ekstaris, ekz. la manlaboro. Oni pristudis la problemon: kiagrade klasa, kiagrade individua instruo? Tiuj, kaj filozofiaj kaj psikologiaj problemoj, premis sian markon sur la evoluadon de la Asocio.

**La kostoj de la postelementa instruado.**

Laŭ la statistiko ni komunikas ion pri la kostoj de la postelementa instruado (en lando kun 8.000.000 enloĝantoj) por tiuj, kiuj eble volas kompari kun ilia propra lando.

Ĝis 1931 la elspezoj de la registaro regule leviĝis. Por la mezgrada instruado ili estis f 1.200.000 en 1870, kaj f 27.200.000 en 1931. Por la industriinstruado f 200.000 en 1870, kaj f 19.900.000 en 1931. Por la supera instruado f 500.000 en 1870, kaj f 15.600.000 en 1931. En 1931 la elspezoj estis maksimumaj, poste ili malleviĝis.

Interese estas vidi kiom la registaro elspezas por unu lernanto. En 1870 ekz. lernanto de mezgrada lernejo kostis f 280.—, en 1931 f 573.— !

**La instruado de la gepatra lingvo.**

Jam delonge oni plendas en Nederlando pri malbonaj rezultatoj de la instruado pri la gepatra lingvo. Denove aperis publikaĵo pri tio. Ĝi rimarkas, ke

*a.* en neniu lando oni uzas tiel malmultajn horojn por la gepatra lingvo kiel en Nederlando.

*b.* en neniu lando oni uzas tiel multajn horojn por la klasikaj lingvoj, la modernaj lingvoj, la matematiko k.t.p.

Oni komparas la gepatralingvo-instruon en Nederlando kun tiu en Belgujo, Germanujo, Anglujo, Francujo, Norvegujo, Polujo, Ĉeĥoslovakujo, Svisujo, kaj precipe kun tiu en Danlando, ĉar ankaŭ tie la lernantoj ankaŭ lernas la 3 modernajn lingvojn. Tie la elementa lernejo edukas la infanojn ĝis 11a aŭ 12a jaro; tiam ili vizitas „inter"-lernejon, kun 4 klasoj, preparante por studado, kiu estas konforma al la 3 superaj klasoj de mezgrada lernejo kaj gimnazio en Nederlando. La dana gimnazio havas 3 jarojn, do la preparo de la elementa lernejo ĝis la universitato daŭras 7 jarojn. Montriĝas, ke Nederlando uzas 14 horojn por la gepatra lingvo en unu semajno, kaj Danlando 24! Por la greka lingvo tio estas 32 kaj 18, por la latina lingvo 39 kaj 20.

Sed, ne nur tio estas la kaŭzo de la malbonaj rezultatoj. Estas aliaj :

la instruistoj havas tro da horoj, kaj la klasoj tro da lernantoj.

La aŭtoritatuloj scias tion, sed — ne volas disponigi la monon por plibonigi tion.

**Skotlando.** Senĉese oni malpliigas la nombron de la lernantoj en unu klaso. En 1933 ekzistis 2119 klasoj kun pli ol 50 lernantoj, en 1936 309, kaj nun nur 125.

Oni plibone zorgas pri lernejaj nutrado kaj vestado. En la lasta jaro oni elspezis pli ol 100.000 funtojn.

**Svisujo.** Antaŭ kelkaj monatoj oni malfermis labor-kampadejon por senlaboraj instruistoj. Oni malkovras malnovajn koloniojn (surfostajn domojn) en la lagoj, kaj jam faris multajn interesajn malkovrojn. Rilate al tiu ĉi laboro kursoj pri tiu malnova kulturo okazis.

**Turkujo**. Dum la 15-jara ekzistado de la nova turka respubliko la instrusistemo tute ŝanĝiĝis. Unue oni enkondukis la eŭropan alfabeton, kio faciligis la instruadon de la hejmlanda kaj de la fremdaj lingvoj.

Antaŭe la instruado estis en la manoj de mahometanaj religiaj societoj, kaj tre malbona. Nun ĉio ŝanĝiĝis. Por la 7-jara infano komenciĝas la lerndevo, ĝi daŭras kvin jarojn en la urbo, kaj tri en la provinco. La provincaj infanoj povas viziti la urbajn lernejojn, kie ili tiam loĝas pensione. Tion kompreneble oni devas pagi, sed la instruado estas tute senpaga. Post la 5-jara elementa lernejo la infanoj povas viziti mezgradan lernejon aŭ liceon. Ĉie modernaj metodoj estas enkondukitaj. En Istambul kaj Ankara estas universitatoj, en Van ĝis estas en preparo. Rimarkinde estas, ke oni elektas estontajn instruistojn el la soldatoj.

I.a. el bulteno de F. I. A. I.

N o t o : Ni petas la gekolegojn sendi al ni materialon por ĉi tiu rubriko.

---

# T.A.G.E. Bibliotheko.

En la unua komuniko pri la eldono de T.A.G,E.-biblioteko, ni menciis ke la anoj de T.A.G.E. rajtos depreni de la kutima prezo de ĉiuj aperontaj libroj en nia biblioteko, rabaton da 30 %. Ne havante sufiĉe da sperto pri disvendo de libroj en la eksterlando, kaj ne tute bone konante la situaciojn tieajn sur libreja-kampo, ni proponis tiun 30 % rabaton. Sed nun montriĝas, ke en diversaj landoj la disvendado malebliĝas, se ni daŭrigas doni specialan rabaton al niaj anoj. Ĉar ni ankoraŭ ne povos riski eldonon de libroj nur por niaj anoj, ni devas ŝanĝi ĉi tiun metodon. Estonte ĉiuj T.A.G.E.-anoj devas pagi la kutiman senrabatan prezon, sed se ili mendos pere de T.A.G.E-oficejo mem, tiam nia asocio enkasigas tiun 30 % por sia propra kaso. La diferenca tiam estas, ke la membroj individue ne profitos, sed la asocia kaso. Tio tamen signifas, ke pli da mono en la kaso, donos pli da laboreblecoj por T.A.G.E., kaj estonte pli malaltan kotizon. Do, tiumaniere, laŭ ĉirkaŭvojo, la 30 % rabato tamen atingos ĉiun membron individue.

Nur unu konsilon ni fine havas por vi: Mendu la librojn de nia biblioteko *nur* al ni *rekte*. Kaj faru tion, vi ĉiuj ! ! nun tuj. Ĉar multaj jam mendis la unuan libron de Dro Ad. Ferrière „Kiel eduki niajn infanojn", vi ankoraŭ povos ricevi ĝin po 0.50 ned. guld. (4 respondkuponoj),

Plifortigu ankaŭ tiumaniere vian organizon, en la nuna periodo,

kiam ĝi, premita el ĉiu flanko, zorgas ke la verda standardo daŭras flirti en edukistaj rondoj; t.e. ke inter edukistoj, diverslandaj *konserviĝu* kompreno pri ilia vera, gravega tasko: gvidado de la junularo tra malamo kaj venĝemo al paco, interfratiĝo kaj estimo.

Red. de T.A.G.E.-biblioteko.

Noto: *Urĝa peto al ĉiuj:* Skribu al ni pri taŭgaj manuskriptoj por nia biblioteko. Verku, traduku aŭ verkigu kaj tradukigu!

---

# Al T.A.G.E.-anoj en Ĉeĥo-Slovakujo.

Post la katastrofaj tagoj de oktobro nia popolo rekolektas siajn fortojn, fortojn moralajn kaj ekonomiajn. Nia popolo estas modesta, laborema kaj ŝparema. Tia popolo ne pereos.

Ni instruistoj estu indaj filoj de nia popolo. Ĝia idealo estu nia idealo: la interŝtata justeco kaj rajto Al tiu ĉi idealo dediĉis jam antaŭ kvin jarcentoj sian tutan forton nia glora reĝo Jiří-Georgo de Poděbrady kaj longa vico de la plej bonaj filoj de nia popolo.

Ni esperantistoj scias, ke tiun ĉi altan idealon celas kaj akcelas lingvo internacia, pri kiu revis kaj laboris nia granda J. A. Komenskij—Comenius. Laborante por esperanto, ni laboras por kultura faktoro, kiu metos la rilatojn inter la popoloj sur neŭtralan fundamenton: jen la sola justa fundamento.

Ni ĉeĥo-slovakaj geinstruistoj okupis en la jaro 1938 inter la anaro de T,A.G.E. trian lokon. Tiun ĉi honoran lokon ni firme tenu ankaŭ estonte. Ni ĉeĥo-slovakaj geinstruistoj restos fidelaj . . . . . . spite ĉion. Varbu inter viaj konatoj kaj ni progresos al la dua loko. Mankas nur deko da kolegoj!

Uzu la apudmetitan poŝtpagilon kaj pagu vian kotizon. Kelkaj - tre malmultaj - ŝuldas ankoraŭ la kotizon por 1938. Mi bone scias la kaŭzon. Tamen ankaŭ illn mi petas: pagante ĝustatempe vian kotizon, vi multe helpas la administracion de nia asocio.

Plenan sukceson al via laboro en la nova jaro!

Th. KILIAN,
agento de T.A.G.E. en Ĉ.S.R.
Trebíč.

---

Mi devas fari al la anoj de T.A.G.E. la funebran sciigon, ke mortis nia kolego

**S-ro JOSEF JERABEK,**

faka instruisto en Brno, Ĉeĥo-Slovakujo.

Forlasis nin bona instruisto, bona samideano, bona homo.

TH. KILIAN,
agento por T.A.G.E. en Ĉ.S.R.,
Trebíč.



## Korespondoficejo

adreso: K. H. SPORTEL.
sekretario de T. A. G. E.
NIEUW-SCHEEMDA (Nederl.)

## Geinstruistoj:

Sro Janko-Janev. Niŝava 31. BURGAS, Bulgarujo
Sro Dimitr. Paskalev. Car Simion 72 BURGAS Bulgarujo.
Sro Erling Neergaarel GALTEN ST. Danlando.

---

Ni atentigas niajn korespondemulojn pri la fakto, ke ĉiuj geinstruistoj povas enpresigi sian anoncon **Senpage.**

Do ankaŭ ne-anoj de nia asocio.

Bv. ĉiam mencii en via anonco:

1. instruisto, instruistino. lernanto aŭ lernantino.
2. aĝo.
3. speco de lernejo.
4. deziroj.

---

Al niaj anoj en BRITUJO ni sciigas, ke de nun la **Brita Esperanto-Asocio,** 142 High Holborn, LONDON W.C.I. estas nia reprezentanto.

---



---